


# INTERNACIA FERVOJISTO

1994 . 4

## Redaktora babilo

Finiĝis nia 46a IFK, kaj jam survoja la 47a. Legu pri tio, kiel ŝpari bankelspezojn.

En la jena numero ni cetere klopodis doni kelkajn impresojn kaj raportojn, tamen ŝajnas, ke kelkaj promesitaj kontribuaĵoj perdiĝis ĉe la poŝto aŭ ne estas senditaj.

Sed ne ekzistu dubo pri tio, ke al tiuj, kiuj pro iu ajn kaŭzo ne ĉeestis la kongreson kaj postkongreson – al tiuj mankas io.

La antaŭa numero de IF (n-ro 1994.3) estis fiasko. Ne nur, ĉar ĝi enhavas nur 12 paĝojn, ne nur, ke ĝi venis de la presejo du tagojn antaŭ ol foriro al la kongreso kaj ke mi do kunportis al pluraj landoj ties stokon, sed ankaŭ ke pluraj pakaĵoj atendis mian revenon pro stulta enmikso en la kutima proceduro de ekspedo fare de kelkaj kolegoj! Mi pardonpetas pro tiuj misfaroj.

Grandan gratulon al ĉeĥoj, slovakoj kaj rumanoj pro iliaj horaroj kun Esperanto-teksto. Espereble la kongresa letero al diversaj administracioj efikos pozitive.

Red

## Jarkunveno

Jarkunveno de REFA okazos dum la periodo 2a-4a de septembro 1994 en urbo PREDEAL en distrikto Brasov, laŭ jena programo:

| | |
|---|---|
| vendrede | la 2an posttagmeze: akcepto de partoprenantoj kaj ilia gastigado, |
| sabate | la 3an je 09.30 plena kunsido, kies temo estos 'La allogo de junuloj, nia espero', je 13.30 libertempo por promenado, je 18.30 komuna bankedo, |
| dimanĉe | la 4an je 09.30 ekskurso tra Prahova Valo, je 13.30 tagmanĝo en urbo Sinaia kaj je 19.00 vespermanĝo en Predeal. |

La prezo de la tuta aranĝo estas 100 USD. REFA tamen akceptas gastojn eksterlandajn laŭ reciprokeco, kio signifas ke la rumanaj samideanoj pagos por eksterlandanoj, kiuj do pagos por rumanoj laŭ deziro kaj interkonsento la kostojn de eksterrumana renkontiĝo.

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

## De niaj landaj asocioj

**Bulgario**
Bulgara Fervojista Sekcio estas en reorganiza fazo. La prezidanto, s-ino Petranka Cenkova LALOVA, dum la 46a IFK informis, ke la poŝtkesta adreso en Sofio ŝajne ne funkcias, almenaŭ rilate al la fervojista sekcio. Prefere uzu ŝian privatan adreson: ĴK "Krasno selo" bl 19-A, vh 2, BG-1680 SOFIA.

**Ĉeĥa Respubliko**
Ankaŭ en Prago estas certaj malfacilaĵoj rilate al la asocia adreso en strato Jilská. Uzeblas la adreso de la prezidanto, s-ro Jindřich TOMIŠEK, CZ-75118 ŘÍKOVICE 33.

**Frontpaĝo**: Inaŭguro de la 46a IFK, Krems a d Donau, Aŭstrio (Foto: Kongresa Fotoservo)

## Enhavo:




La 46a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso finiĝis. Ĝi okazis en Krems apud Danubo, mezgranda aŭstria urbo, kies ĉarmo ravis la 401 kongresanojn el 21 landoj. Sunbrilo, escepte de unu pluvoriĉa tago – cetere perfekte lokita en la ĉefa prelego-tago – agrabligis promenetojn kaj ekskursojn.

Raportojn, protokolojn, resumojn ktp pri la unuopaj 'oficialecaj' kongreseroj vi bonvolu legi aliloke en ĉi tiu kaj venonta(j) numero(j) de IF, kaj la periodaĵoj de la landaj asocioj de IFEF certe raportos individue pri travivaĵoj kaj impresoj.

Ĉi tie nur resume ni menciu kelkajn erojn. La kongreso sukcesis! Akurata organizado, glata funkciado, zorgema kaj rideta helpado, riĉenhava Kongresa Kuriero (redaktita de s-ro Andreo Pettyn de la Pola Radio), kiu per kvar numeroj en diversaj koloroj (imitinda!) gvidis nin tra la kongresa ĝangalo, interesaj prelegoj, altkvalitaj komisionaj kunsidoj, eminenta kultura programo kaj brilaj ekskursoj estis elementoj, kiuj kondukis al la sukceso.

Grave sentiĝis la foresto de la IFEF-prezidanto, kiu pro familiaj kaŭzoj (malsano) ne povis partopreni. La inaŭguron ĉeestis pluraj eminentuloj, inter kiuj elstaris la reprezentanto de FISAIC, d-ro Erwin Semmelrath, kiu en perfekte elparolita Esperanto salutis la kongreson kaj menciis la utilon de Esperanto, kiun havas FISAIC, ekz en la kontaktoj kun fervojistaj organizaĵoj de orienta Eŭropo. Fine li transdonis la Oran Medalon de FISAIC al s-ro Pierre Robiolle, prezidanto de FFEA, pro ties meritoj ĝenerale kaj ne malpli pro la granda laboro, kiun entreprenis kaj plue faras FFEA-anoj pri la ellaboro de Esperanto-versio de FISAIC-protokoloj. Interkrampe menciindas, ke funkcianta ĝenerala sekretario de FISAIC estas nia kolego kaj s-ano s-ro Georges Wallerand.
Protektanto de la kongreso estis mag. Viktor Klima, Ministro pri Trafiko.

La Honora Komitato konsistis el:
Dr. Erwin Pröll, Landestro de Malsupra Aŭstrio,
Dipl.Ing. Dr. Helmut Draxler, Ĝeneraldirektoro de ÖBB,
Dipl.Ing. Helmut Hainitz, Vicĝeneraldirektoro de ÖBB,
Dipl.Ing. Fritz Proksch, Ĉefdirektoro de ÖBB,
Dipl.Ing. Franz Polzer, ÖBB-direktoro de direkcio Wien,
HR Dr. Alfred Hoppi, Vicpersonaldirektoro de ÖBB,
Ing.Erich Grabner, Urbestro de Krems a.d.Donau,
Franz Hums, Estro de la Sindikato Fervojista,
Gerhard Nowak, Sekretario de la Sindakato Fervojista,
Kurt Silvestri, Prezidanto de la Fervojista Kultura Societo de la ÖBB-Direkcio Wien.

Komuna fotado, urbovizito, ekumena diservo, memorinda kultura vespero kun lokaj Ĉambromuzika Koruso kaj Danuba Kvarteto, duontaga ekskurso laŭlonge de rivero Danubo kun vizitoj al Melk kaj Dürnstein, internacia balo en ĉevalejo de kastelo Grafenegg kun granda, bonega orkestro, Aŭstria Vespero kun folkloraj dancoj kaj citroludado, tuttaga ekskurso al fama pilgrimejo Marazell per etŝpura speciala trajno, en kiu abunde regalis nin LKK-anoj ĝis sveniĝo. En Mariazell ni travivis katedralan meson, plejparte en Esperanto, kaj arboplantadon.

En kongresejo, kiu estis agrable granda kun seĝoj kaj tabletoj tiel ke la necesa poŝtkartoskribado povis bone funkcii, troviĝis informejo, ekspozicio de fotoj, pluraj libroservoj, poŝtejo kun porokaza, oficiala poŝtstampo kaj fotoservo.

Ĉe la fermo IFEF-vicprezidanto Gulyás resumis la farojn de la kongreso, dankis al LKK kaj al ĉiuj helpantoj, invitis al la 47a IFK en hungara urbo Pécs kaj deklaris la 46an IFK fermita.

Adiaŭoj, miksitaj ĝojo kaj malĝojo, konfuzetoj, lastaj informoj/memorigoj, forgesoj, bagaĝo, forvojaĝo, malŝarĝiga spiro de LKK-anoj. Dankon kaj ĝis! ■

## Statutadapto

Laŭ kongrespropono akceptita de la komitato dum la 45a IFK en Cervia la ĝistiamaj Terminara Komisiono kaj Fake Aplika Komisiono estis dissolvitaj kaj unuigitaj en 'Faka Komisiono'.

Tio necesigis adapton de la koncernaj reguloj en la IFEF-statuto kaj ties regularoj.

Dum la 46a IFK en Krems a.d.Donau la komitato akceptis jenajn ŝanĝojn de la IFEF-statuto:

**Paĝo 3:**
Ĝenerala regularo § 2, linioj 1-6 tekstas nun jene:

Por la aranĝo de kongresoj, por terminaraj kaj fake aplikaj aferoj kaj por limdatoj respektive validas:
Aldono KR (kongresa regularo),
Aldono FR (regularo por la Faka Komisiono),
Aldono TL (tabelo por limdatoj).

**Paĝo 8:**
§ 12,3) nun tekstas jene:

La gvidanto de la Faka Komisiono aŭtomate estas kromkomitatano.

Ĝenerala regularo § 12, al 1) kaj 2), linioj 1-3, nun tekstas jene:

a) Komitatanoj kaj kromkomitatanoj devas esti aktivaj, emeritaj aŭ estintaj fervojistoj aŭ personoj el asimilitaj entreprenoj. Ili devas esti IFEF-membroj kaj pretaj, konservi la oficon dum tuta trijara laborperiodo.

**Paĝo 9:**
Ĝenerala regularo § 14, al 1)d) tekstas nun jene:

Intencotaj demisioj de estrarano aŭ de komisiona gvidanto, sekretario aŭ redaktoro devas esti anoncataj al la ĉefkomitatano ĝis la 31a de aŭgusto antaŭ fino de oficperiodo.

**Paĝo 20:**
(Kongresa Regularo) ptoj 15 kaj 16 tekstas nun jene:

15) Senpagajn kongreskartojn ricevas estraranoj, ĉefkomitatano, honoraj prezidantoj, honoraj membroj, membroj de la Honora Patrona Komitato, la gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono kaj la LKK-anoj.
16) LKK pagu la tranoktadkostojn por kvin tagoj por estraranoj kaj ĉefkomitatano same kiel por gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono.

**Paĝoj 21-24:**
Aldonoj IX. FR (Fake Aplika Regularo) kaj X. TR (Terminara Regularo) forfalas kaj estas anstataŭigitaj per Aldono IX. FR (Regularo por la Faka Komisiono).
La teksto de tiu regularo troviĝas sur aparta folio, kiu mendeblas ĉe via landa asocio aŭ rekte de la redaktoro de Internacia Fervojisto.

**Paĝo 25:**
XI. Limdatoj
Linio 4: kol 1 = aŭgusto, kol 4 = sekretario de la fake aplika sekcio, kol 6 = FR 10a
Linio 6: kol 1 = septembro, kol 3 = sekretario de la fake aplika sekcio, kol 6 = FR 10a
Linio 7: kol 1 = aŭgusto, kol 3 = gvidanto aŭ sekretario aŭ redaktoro de Faka Komisiono, kol 6

= §14.1)d), FR 13

**Paĝo 26:**
XI. Limdatoj (daŭrigo)
Linio 7: kol 4 = sekretario de la fake aplika sekcio
Linio 8: kol 4 = sekretario de la terminara sekcio, kol 6 = FR 5
Linio 9: kol 3 = gvidanto de la Faka Komisiono, kol 6 = FR 7

**Paĝo 27:**
XI. Limdatoj (fino)
Linio 6: kol 3 = Faka Komisiono, kol 5 = elekto de gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro, kol 6 = FR 6
Linion 7 komplete forstreki.

**Paĝo 28:**
XII. Organigramo
'Terminara Komisiono' fariĝis 'Faka Komisiono' kaj 'Fake Aplika Komisiono' forstrekita. Same en paĝoj 29-30 (Indekso laŭterna).

**Paĝo 32:**
(XIV. Laborplano)
30.1: Terminara = Faka
41: = Faka Komisiono, terminara sekcio
42: = Faka Komisiono, fake aplika sekcio.

- - -

Certaj planoj ekzistas pri noveldono de la kajero STATUTO kaj REGULAROJ. Pri tio ni informos poste

IFEF-estraro

## La sorto de la kongresproponoj

La unua 1994a numero de IF (kiu pro teknika eraro bedaŭrinde portas la 'superskribon' 1996.3 sur kelkaj paĝoj), paĝo 5, menciis la du kongresproponojn.

Unu temas pri statutadapto kaj estas priskribita sur paĝoj 48-49.

La alia temas ĝion, ke la IFEF-estraro sendu al ĉiuj fervojaj ĉefdirekcioj, kiuj ne jam aplikas tion, telefaksojn instigante la aperigon de la klarigoj en la horarlibroj ankaŭ en Esperanto.

La komitato akceptis la proponon tamen tiel, ke nur post la kongreso, kaj perletere kun aldonitaj tradukoj en la franca kaj germana lingvoj la instigo estu sendata.

Meze de junio jena teksto estis sendita al la fervojaj administracioj en Aŭstrio, Belgio, Britio, Bulgario, Estonio, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Kroatio, Nederlando, Norvegio, Slovenio, Svedio kaj Svisio:

'En la tagoj de la 13a ĝis la 20a de majo 1994 okazis en la urbo Krems a.d. Donau en Aŭstrio la 46a kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), kiu estas oficiala membro de la RailLex de UIC - Union Internationale des Chemins de Fer en Paris, kiun partoprenis 401 ĉeestantoj el 21 landoj. La Ĝenerala Asembleo de la kongreso taskis la estraron de IFEF submeti je la atento de ĉiuj Fervojaj Retoj la oportunecon, enkonduki (eventuale reenkonduki) en siajn horarojn la klarigojn kaj mallongigojn en la internacia lingvo Esperanto.

Por substreki tiun ĉi proponon ni sciigas vin, ke tiuj ĉi klarigoj por la sezono 1994/95 jam aperis en la horaroj de la jenaj landoj: Ĉehio, Danio, Hungario, Pollando, Rumanio, Slovakio kaj Jugoslavio (en internacia parto de ties horaro).

Tiu ĉi sugesto, kiun ni varme rekomendas, devenas ne nur el la objektivaj kaj nerefuteblaj ecoj de la lingvo mem, sed gravas la fakto, ke UIC oficiale utiligas ĝin kiel dekan lingvon en la nova teknika Fervoja Leksikono (la 5a eldono), kiu baldaŭ aperos sur CD (Compact Disk) kun pli ol 11.100 terminoj.

En ĝi (kune kun la germana, franca, angla, hispana, itala, nederlanda, sveda, portugala kaj hungara lingvoj) estos Esperanto. Estas inde mencii, ke IFEF jam sukcesis en la jaro 1989 eldoni la Esperanto-version de la oficiala fervojfaka terminaro de UIC, nome LG-IV.

IFEF ankaŭ subtenas, pere de siaj landaj asocioj, la agadon de FISAIC (Fédération Internationale des Sociétés Artistiques et Intellectuelles de Cheminots, Paris), kiu jam eksperimente enkondukis Esperanton kiel sian trian laborlingvon.

Tio multe povas helpi la tutmondan fervojistaron en sia interkomunika laboro (kiu ja estas la ĉefa celo de UIC) kaj en la plialtigo de ilia socikultura nivelo. Ne malgrave tio povas helpi la publikon en rapida kaj preciza konsultado, por akceli kaj plifaciligi la eblecon veturi pere de la medio-protektantaj trajnoj.

IFEF kaj ĝiaj landaj asocioj estos je dispono por kunlaboro tiurilate.

Altrespekte
Per Engen
prezidanto'

Samtempe estas sendota gratulletero al la fervojoj, kiuj nun aplikas Esperanton en siaj horaroj.

Ke Norvegio ĵus ĉesigis sian Esperanto-tekston donas ekstran ŝarĝon al niaj norvegaj kolegoj, kaj entute la tasko estas al ĉiuj elpensi ruzajn paŝojn kaj efektivigi ilin. ■

## Faka Komisiono de IFEF

### Konciza raporto pri la unua kunsido dum la 46a IFK

Okaze de la unua kunsido de Faka Komisiono estis elektitaj la funkciuloj por tri jaroj. La ĉeestantoj unuanime elektis

- gvidanton = d-ro József HALÁSZ,
- sekretarion por terminaraj aferoj = d-ro Heinz HOFFMANN
- sekretarion por fake aplikaj aferoj = inĝ Ladislav KOVAŘ,
- redaktoron de Terminara Kuriero = s-ro H.Dieter HARTIG.

Laŭ la tagordo sekvis la raporto de la sekretario por terminaraj aferoj. S-ro Hoffmann trarigardis la gravajn eventojn de la pasintjara terminara agado. La raporton sekvis vigla diskuto.

Ĉefaj konkludoj estas

- Ni devas daŭrigi la laborojn de LG-V. Urĝe ni devas revizii la unuan tradukon laŭ tiu metodo, kiun ni uzis dum la periodo de LG-IV,
- ni rigardas grava nia tasko la subtenon de eldono de NV-oj. El la landaj asocioj nur unu petis subvencion el la terminara fonduso,
- ni daŭrigos la kolektadon de novaj fakesprimoj, aplikante por AV tiun formon, kiu estis akceptita en Münster (dum 44a IFK),kaj uzante por revizio de la proponoj tiun metodon, kiun dum la kunsido ni priparolis.

(Raportis d-ro Halász J.)

Klarigo de kelkaj mallongigoj:

| | |
|---|---|
| LG-IV, LG-V: | Lexique Général des termes ferroviaires, 4a resp 5a eldono |
| NV: | Nacia Vortaro |
| AV: | Aktuala Vortaro |
| IFK: | Internacia Fervojista Kongreso (de IFEF). |

## FAKA KOMISIONO- fake aplika sekcio

Krems 17an de majo 1994

Partoprenis 23 partoprenantoj laŭ nomlisto

Programo de la kunveno estis publikigita en IF 2/94, paĝo 22.

1) **Raporto de sekretario pri la agado**
La sekretario de la sekcio prezentis raporton pri la agado dum la periodo inter 45a kaj 46a kongresoj de IFEF. La raporto estas aldonaĵo al la protokolo.

2) **Faka programo de la 46a IFK**
La ĉefan fakprelegon pezentos dipl.ing. Tschom je temo "Alpa transit-trafiko". Estas preparitaj tekstoj de la prelego kun akompanaj bildoj inkluzive kun videofilmo. Je dispono estos ankaŭ germana traduko de la prelego.

Por prezentado de fakaj prelegoj estas preparitaj jenaj kontribuaĵoj:

a) E.Glättli: La nova aŭtomata trajnbremsadsistemo ĉe la S-Fervojo de Zürich.
b) E.Henning Olsen: Novaj trajnoj por la kopenhaga enurba trafiko. (Laŭ propono de k-go Niemann).
c) J.Giessner: Iom pri la tunelo sub la Maniko kun aldonaĵo: Biologie priservitaj necesejoj por la fervojo.
d) B.Ehrlich: Nova duetaĝa relbuso el Dessau.
e) G.Sredić: Sinergiaj efektoj de la integrigo de INTERCONTAINER kaj INTERFRIGO. (Anstataŭ k-go Sredić prezentis Kovář).
f) I.Nedelcu: SNCFR - aktualaĵoj kaj perspektivoj en la instalaĵoj pri trafiksekureco. (Anstataŭ k-go Nedelcu prezentis s-ro Tudorache).
g) Z.Polak: Restrukturigo de Ĉeĥa fervojo.
h) L.Kovář: Diagnostika instalaĵo por centraligita bloksistemo AB3-88.

3) **Faka programo por la venonta 47a IFK**
Por la venonta IFEF-kongreso aliĝis kolegoj kun sekvantaj fakaj prelegoj:

Ĉefa fakprelego - J.Halász: Trafikaj taskoj por la Mondekspozicio 1996.

Fakaj prelegoj:
J.Mirković: Kunligo inter Slovenio kaj Hungario
E. Glättli: laŭ elekto
M.Feifičová: laŭ elekto
Danio: temo kaj aŭtoro laŭ elekto

Por kompletigi la liston de kontribuontoj prizorgos la sekretario ĝustatempan instigon al potencialaj aŭtoroj.

Por obligi publikigi mallongan resumon en kongreslibro, bonvolu ĉiu kontribuonto sendi almenaŭ resumon plej malfrue fine de januaro 1995.

4) **Programo de la faka kunsido dum la 79a UK**
Vicprezidanto s-ro Gulyás informis pri fakaj prelegoj prezentotaj dum la UK en Seulo, Suda Koreio:
1) D-ro I.Ferenczy - pri fervojsanitaraj laboroj.
2) I.Gulyás - pri fervoja tunelo Britio - Kontinento.
Dum la faka kunsido prezentos s-ro Gulyás ankaŭ movadon de IFEF por informi partoprenantojn pri la aktivado.

5) **Diskuto**
La sekretario informis pri eblecoj ricevadi TeKu-on ankaŭ por kunlaborantoj de la Fake aplika sekcio.
La plej granda parto de la diskutado temis pri formo de prezento de nia faka laboro al ne esperanta fervojista publiko.

*H.Theurich* proponas starigi respondeculon en unuopaj l.a. por la fakaj aferoj, kaj postulas difinon de "fake aplikaj aferoj".

*L.Kovář* proponas disponigi la fakajn artikolojn aŭ prelegojn al neesperantista faka publiko, ekz. dum alilingvaj seminarioj pere

de prelego en Esperanto, uzante naciling-van interpretiston, aŭ prezenti niajn fakajn artikolojn al enlandaj fakuloj kun la celo informi pri teknikaj novaĵoj. H.Theurich atentigas, ke niaj novaĵoj ofte ne estas novaĵoj por aliaj. H.Olsen aldonas, ke estas grave prezenti, ke ni laboras serioze.

Dua granda parto de la diskutado temis forsendon de informletero al landaj fervojaj administracioj laŭ decido de la plenkunsido.

*D-ro Bolognesi* klarigis la aferojn kaj petas sendi precizan adreson de la administracio, kiu prizorgas la horarojn.

*D-ro Chrdle* anoncas, ke ekzistas jarlibro de UIC, kie estas publikigitaj respondeculoj kun adresoj pri internaciaj rilatoj ĉe unuopaj fervojaj naciaj administracioj.Al ili estas plej taŭge sendi la informleterojn.

*S-ro Bergh* proponas sendi la leteron al landaj asocioj, ĉar ili plej bone konas la situacion.

*E.Glättli* substrekas la gravecon de taŭga formulado de la letero.

*M.Feifičová* informas pri spertoj rilate al kontakto kun fervojministerio en Slovakio.

*D-ro Hoffmann* proponas unuige prezenti tradukon de klarigoj en horarlibroj de diver-saj fervojadministracioj.

6) **Taskoj**

Kiel rezulto de la diskuto ekestis sekvaj taskoj:

a) Serĉi respondecajn kunlaborantojn de la Fake aplika sekcio en unuopaj mem-brolandoj – sekretario.
b) Difini fakterminon"fake aplikaj aferoj" – sekretario.
c) Aperigi ŝanĝojn de la Regularo por Faka komisiono – redaktoro de IF.

Krems, majo 1994

Sekretario de fake aplika sekcio
Kovář L.

---

Raporto pri agado de Fake Aplika Sekcio en la periodo 1993/94.

1. **Internaj aferoj**

Dum la pasinta periodo komenciĝis komuna ekzistado de la antaŭaj Terminara kaj Fake Aplika Komisionoj. Grava tasko por ĉi tiu periodo estis preparo de propono por ŝanĝo de Statuto IFEF, kiu respegulu la novan situacion. Laŭ decido en Cervia estis komi-siita s-ro Giessner prepari la proponon. Al la sekretario de Fake Aplika Sekcio estis sendita koncepto de la propono fare de s-ro Giessner, kaj reen estis forsenditaj ri-markoj kaj ŝanĝproponoj. Tiucele estis perletere diskutitaj ankaŭ proponoj de TK-sekretario d-ro Hoffmann.

2. **Fervojfakaj Kajeroj**

Kvankam Fervojfakaj Kajeroj havas en sia subtitolo la rimarkon neregula informilo, ĝi jam regule aperas antaŭ la IFEF-Kongreso. Same ankaŭ nunjare la tria numero de FFK.

La nunjara numero enhavas 6 artikolojn:

| | |
|---|---|
| Polak Z.: | Trafika faklernejsistemo en Ĉeĥa Respubliko |
| Hauge H.: | Sekurigado de traknivelaj pas-ejoj |
| Bizduna I.: | Nova metodologio por kontrolo kaj diagnostiko de injekta me-kanismo de la dizelmotoroj 12 LDA28 kaj 6LDA28 sen de-munto de sur motoro |
| Glättli E.: | La feruta koridoro tra Svislando |
| Werner J.: | Pri la terminoj STRENO kaj STRENIĜO en la terminaro de IFEF. |

Giessner, J.:Iom pri la tunelo sub la Maniko

Kun la preparo, kiel tradicie, helpis s-ino Hauge, s-ro Werner kaj s-ro Olsen. Al ĉiuj mi sincere dankas.

3. **Nunjara fakprogramo**

La ĉefan fakprelegon dum la kongreso preparas inĝ.Tschom. La titolo ankoraŭ ne estas konata.

Por ceteraj prelegoj estas anoncita temo: Novaj trajnoj por la Kopenhaga enurba trafiko de DEFA, prelego pri fervojtelekomunikado el Rumanio, kaj ZUB la aŭtomata trajnbremssistemo de s-ro Glättli. Al pluaj eventualaj aŭtoroj estis forsenditaj demandleteroj pri la prelegoj. La detala programo estos precizigita antaŭ la kongreso.

27.3.1994

Sekretario de Fake Aplika Sekcio Kovář L.

## Terminara Kuriero

**Komunikilo de Faka Komisiono de IFEF**

TeKu (Terminara Kuriero)aperas laŭ bezono, Generale 6foje jare.

TeKu traktas terminologiajn, leksikologiajn kaj fervojfakajn temojn.

TeKu estas scenejo por diskutado pri novaj terminoj kaj ties difinoj.

TeKu elradias la unike bonajn, amikajn rilatojn inter la kunlaborantoj el preskaŭ ĉiuj eŭropaj nacioj.

Tiu interesa miksaĵo kaj la ege interesa, internacia, fervojfaka agado estas la fontoj de la forto por la Faka Komisiono de IFEF. En tiu amikaro kolektiĝas ĉiuj kapabloj kune kun la konvinko, krei la fundamenton por la estonto de Esperanto ĉe la fervojo.

Per nia aktiveco estas Esperanto jam nun en la kadro de UIC samrajta kun ĉiuj naciaj lingvoj de la UIC-leksikono! La Terminara Sekcio de Faka Komisiono estas grupo en pionira aktiveco.

Per Terminara Kuriero ni kunordigas kaj informas tiun aktivecon; TeKu estas nia laborplatformo.

SENDUBE, ankaŭ vi interesiĝas pri fervoj-fakaj demandoj kaj aferoj, pri la evoluo ĉe la internacia fervojo.

SENDUBE, vi, kiu legis ĝis ĉi-tien, estas interesita pri nia aktiveco - tial ni ofertas al vi la eblecon **aboni TeKun** je memkostoj: 10.- DEM (dejore 6.- DEM) por ĉiuj en unu jaro aperantaj TeKu. (Por ne pagipovaj interesitoj senkoste).

Mendu ĉe: Dieter Hartig, Kasseler Str. 76. D-28215 Bremen.

Transpagu: Poŝtĝiro-oficejo 20455 Hamburg. Gvidnumero: 20010020. Konto: 253780-208, D.Hartig.

Hg



TeKu estas abonebla!

## Fakaj prelegoj, novaĵoj kaj aktualaĵoj dum la 46a IFK

(Resumo)

Vasta kaj varia temaro estis pritraktita dum la du programpunktoj, kiuj - krom la ĉefa fakprelego - konsistigis la fake aplikan aspekton de la kongreso.

Jen resumoj:

GIESSNER Joachim (D): **Iom pri la tunelo sub la Maniko**
La plej modernaj teknikaj rimedoj kaj teknologioj estis uzitaj dum konstruado de la tunelo sub la Maniko. En la prelego estas prezentitaj interesaj faktoj pri trafiko en la tunelo, pri financado de la konstruado, pri transportado de aŭtomobiloj tra la tunelo kaj eĉ pri teknikaj instalaĵoj en alkondukaj linioj en Britio.

**GIESSNER Joachim (D): Biologie prizorgitaj necesejoj por la fervojo**
La mallonga kontribuaĵo prezentas modernan solvon por forigo de necesejenhavoj en pasaĝervagonoj. Estas priskribita biologia maniero por prilabori la enhavon de necesejrezervujoj kun la celo plilongigi tempospacon inter ilia malplenigo.

**GLÄTTLI Ernst (CH): La nova aŭtomata trajnbremsadsistemo ATB ĉe la S-fervojo en Zürich**

Grava akcidento en Zürich-Oerlikon kaŭzis pli rapidan ekuzadon de la nova sekuriga instalaĵo ATB (originale ZUB) ĉe Svisaj fervojoj. La sistemo apartenas al instalaĵoj kun punkta efiko, kiam ĉiuj necesaj informoj pri la situacio sur la linio estas transdonitaj el unu punkto sur la linio al komputilo en lokomotivo. Depende de la ricevitaj informoj la komputilo superrigardas la agadon de la lokomotivestro, kaj en okazo de lia nekapableco ĝi mem haltigas la trajnon.

**KOVÁŘ Ladislav (CZ): Diagnostika instalaĵo por centraligita bloksistemo AB3-88**

La prelego temas permikroprocesore regatan sistemon, kiu kontrolas la funkciadon de centraligita aŭtomata bloksistemo. Ĉiuj necesaj informoj estas koncentritaj en unuopaj instalaĵpunktoj laŭ fervojlinio kaj per kablokondukilo estas transprenitaj al regadkomputilo, kiu memorigas ilin kaj samtempe montras je ekrano.

La sistemo estis nove konstruita en linisekcio Chocen - Zamrsk.

**NEDELCU Ioan (R): SNCFR - aktualaĵoj kaj perspektivoj en la instalaĵoj pri trafik-sekureco.**

La situacio el dotada vidpunkto per sekurigaj instalaĵoj ĉe Rumanaj fervojoj ne estas kontentiga. La kontribuaĵo prezentas faktojn pri la nuntempa situacio en ekipigo de la fervojo per teknikaj rimedoj en la sfero de infrastrukturo. Plue estas prezentita plano por teknika kaj organiza restrukturo de SNCFR ĝis la jaro 2005.

**OLSEN E.Henning (DK): Novaj S-trajnoj por la kopenhaga enurba trafiko**

Ekde 1995 estos liverataj novaj vagonoj, kiuj konsiderinde aliaspektos ol la nunaj. Ekzemple per plia larĝo, kiu permesos 3 x 3 sidlokojn, mallongaj vagonoj kaj unuradaksaj boĝioj, aktive kurbodirektitaj, malpli da bruo, malplia pezo. La unuradaksa boĝio jam estas provita en la praktiko.

**Inĝ POLÁK Zdenek (CZ): Restrukturigo de ĉeĥa fervojo**

La aŭtoro komparas pasintan trafiksistemon dum tiel nomata "planata ekonomio" kun ĝia nuntempa malfavora sistemo, koncize montras ĝian historian evoluon, ne forgesante ankaŭ pri enlandaj kaj eksterlandaj politikaj influoj.

Skizante ĉefajn projektojn de privatigo kaj transformigo li konkludas per resumo de pozitivaj kaj negativaj paŝoj en teoriaj proponoj kaj praktikaj paŝoj kaj ŝanĝoj en la ĉeĥa fervojo.

**SREDIĆ Gvozden (YU): Sinergiaj efektoj de la integriĝo de societoj INTERCONTAINER kaj INTERFRIGO**

La iamaj memstaraj societoj INTERCONTAINER kaj INTERFRIGO en jaro 1993 komencis labori komune. Ambaŭ societoj ofertis al siaj klientoj parencajn servojn por transporto de diversaj varoj en kontenerој, ĉu tio temis normalajn varojn aŭ facile pereemajn varojn. Per komuna agado ili intencas kompletigi siajn servojn kaj malgrandigi siajn elspezojn por organizaj aferoj. ■

## El intervjuo al sinjoro Guo Lin vicministro de Fervoja Ministerio de la Ĉina Popola Respubliko

Sinjoro Guo Lin vigle turnas la parolo-temon al enkonduko de alilanda kapitalo, dirante: "Kuraĝigi alilandajn kapitalistojn rekte investi kaj kunlabore konstrui kaj administri fervojon estas grava rimedo en reformado por plibonigi la staton de nia landa fervojo. La Fervoja Ministerio volas kapti nunan bonŝancon rekte enkonduki alilandan kapitalon, uzante administradon glatan, estontecon prosperan de la ĉinaj fervojoj. Ni kuraĝigos kaj kondukos alilandajn kapitalistojn kuninvesti aŭ akciuliĝi en konstruado kaj administrado de la ĉinaj fervojoj. Samtempe ni emisios fervojajn obligacion kaj akcion en La Internacia Merkato por sorbi eksterlandan socian kapitalon."

El "Laborista Jurnalo" la 17an de marto 1994 esperantigis Zhang Dali

## Sukcesa postkongreso de la 46a IFEF-kongreso

Posttagmeze la 20an de majo tuj post la fermo de la IFK, aro de kongresanoj iris direkten al la Ĉeĥa Respubliko. Kelkaj por partopreni la postkongreson en Břeclav, aliaj por daŭrigi la vojaĝon hejmen.

En Břeclav atendis nin ridetantaj kaj neniam lacigeblaj gvidantoj, sub ĉefado de s-ro Jaroslav POKORNÝ. Ni ricevis necesajn paperojn, botelon da vino kaj akompanon al la hoteloj.

La postaj tri tagoj estis plenaj de bonaj travivaĵoj:

Frumatene en la sabato per trajno al Brno, kie ni havis okazon promeneti kaj vidi i a la malnovan urbodomon kun krokodilo kaj kurbigita ornama tureto (= venĝo de trompita arkitekto). Pluen al Blansko, kie aŭtobuso veturigis nin al la unua groto (el tri vizitotaj) en la Moravia Karsto, pluen al spirohaltiganta abismo Macocha, al groto kun plej eminenta akustiko kaj fine al Punkva, kies kulmino estis ŝipveturado laŭlonge de subtera rivero. Finfine, post plurcentoj da ŝtupoj supren – malsupren, la premio atendis nin je la 17a h: tagmanĝo! Abunda kaj meritita.

Dimanĉe (= pentekosto) aŭtobuso kondukis nin al Lednice, en kies preĝejo ni travivis meson, dum kiu parto de la liturgio okazis en Esperanto. Ĉu vi scias, ke nur pasintjare la katolika eklezio agnoskis Esperanton kiel plurrajtan liturgian lingvon, kaj ke la papo dum la ĉijara paska meso utiligis Esperanton inter la multaj aliaj uzitaj lingvoj por bondeziri okaze de la pasko. Tre interesa, parte ekzotika, parko kun minareto, de kie post 403 ŝtupoj supren ni havis mirindan elrigardon.

Jam je la 13a h ni tagmanĝis! Denove abunde, sed tamen havis fortojn por plua busveturado ĉirkaŭ la montareto Palava. Ni grimpis – piede – al ruino de 'Orfa Burgo'. Suno brilis, pejzaĝo belis, vivo agrablis. La tago finiĝis per gustumado de vinoj en vera vinkelo.

Lunde (= labortago) interesa fervojvagono – duone poŝta, duone pasaĝera – kondukis nin al urbo Mikulov por viziti vinfabrikon post amuza marŝado trans kampoj kaj laŭ vojetoj. Tagmanĝo en 'La Kornohava Krokodilo' – inda finiĝo de korpo lacigaj sed mense refreŝigaj tagoj.

Malmultaj postkongresis, sed ili estas enviindaj. Grandan dankon al la organizintoj.

eho

## Parolas Varsovio en Esperanto

La 30an de junio finiĝis la konkurso de la Pola Radio (vidu IF 1994.2 pĝ 28). Sed daŭre gravas reagoj de aŭskultantoj en formo de leteroj. La Esperanto-Redakcio de Pola Radio estas la dua de la fremdlingvaj elsendoj laŭ nombro de ricevitaj leteroj. Superas ĝin nur la germanlingva. Estus interese, se ni povus iam superi ankaŭ ĝin, ĉu ne? **Via** kunlaboro taŭgus!

Bonvolu noti novan poŝtkodon de la Esperanto-redakcio: **00 977**. Plena adreso: Pola Radio, Esperanto-Redakcio, P.O.Box 46, PL-00 977 Warszawa.

Elsendohoroj: ĉiutage je 15h30 + 22h30 laŭ mezeŭropa tempo.

■

## Dankon

Je la 17a de majo ni travivis en Krems la 50an datrevenon de nia geedziĝtago meze de niaj amikoj en IFEF. Ĉu vi povas imagi pli belan lokon por la festo? Estas preskaŭ kutime ke ni festas tiun datrevenon en IFEF-kongreso: antaŭ 25 jaroj estis Avignon kaj nun Krems. Ni tre dankas niajn geamikojn el tiom da landoj pro la gratuloj, la donacoj kaj la amikeco, kiujn ni travivis inter vi ĉiuj.

Ni restu fidelaj al nia amikeca rondo en IFEF.

Metje kaj Wim van Leeuwen

IFEF tre kore gratulas al Metje kaj Wim okaze de la 'granda' tago, dankas pro multjara valorega kunlaboro kaj deziras daŭran sanon kaj feliĉon.

## Pendolino en Pollando

**ek de la 7a ĝis la 23a de majo 1994**

En la kadro de pola-itala registara koopera laboro, realigata estas studo de moderniĝo de elektitaj fervojaj linioj en Pollando. La entreprenon partoprenas la italaj firmaoj TEAM kaj Fiat Ferroviaria en kunlaboro kun »Kolprojekt«, kaj ankaŭ PKP kaj FS.

Unu el la elementoj de tiu studo estas gvido de ekspluataj provoj de moderna pasaĝera veturilaro ETR 460 (Pendolino) permesos doni respondojn je multaj teknikaj kaj komercaj demandoj. La trajno Pendolino estis prezentita en: Katowice, Czestockowa, Gdansk kaj Warszawa Głowna.

Pendolino en sia plej nova versio ETR 460 por italaj fervojoj (prezentita en Pollando) kaj versio ETR 470 por svisaj fervojoj estas moderna solvo, servas por pligrandigo de la trajnaj rapidoj.

La konstrukcio de Pendolino kunligas du gravajn aferojn, kiujn postulas la pasaĝeroj: tempo de traveturo kaj komforto.

Pendolino povas atingi rapidon de 250 km/h, kaj havas eblecon de kliniĝo de vagonoj en kurboj de fervojlinioj. Tio permesas pligrandigi la rapidon en kurboj kun malgrandaj radiusoj je 30% kompare al tradicia veturilaro. Tio estas tre grava precipe en montaraj linioj.

Laŭ unuaj pritaksoj enkonduko de trajno Pendolino malpligrandigos la tempon de vojaĝo el Varsovio al Gdansk je 57 minutoj.

Oni analizas ankaŭ eblecon de enkonduko de tiuspecaj trajnoj inter Drezno kaj Wroclaw.

Trajno ETR 460 posedas kondukistejon por lokomotivestro ambaŭflanke de la veturilaro. Tio obligas ŝanĝon de vojaĝdirekto sen manovroj de lokomotivo. Tio tre gravas en montaraj linioj.

Jen bazaj teknikaj parametroj de Pendolino:

| | |
|---|---|
| Nombro de kupeoj | 9 |
| nombro de sidlokoj | 450 |
| longo de trajno (m) | 236,6 |
| maksimuma larĝo (m) | 2,8 |
| tuta maso de trajno (t) | 416,5 |
| maksimuma rapido (km/h) | 250 |

prilaboris Janina Wereszka, Pollando

## Duonpreza manovra lokomotivo

La firmao "allrad-Rangiertechnik" en Heiligenhaus ĉe Düsseldorf (D) evoluis manovran lokomotivon de mezgrada povumo, kiu konsistas ekskluzive el eroj, kiuj jam estas produktataj en grandaj serioj ekzemple por kamionoj aŭ konteneraj gruoj. La nomo de tiu lokomotivo estas "Cargolok DH 410". Esenca diferenco kompare al ĝisnunaj dizel-lokomotivoj: ĝi kostas nur la duonon. Kial?

La sescilindra kamiona dizelmotoro de Volvo estas amase produktata, sekve favorpreza, fortika kaj longe laborkapabla. Same produktitaj en serioj estas la bremscilindroj, la distribuilaj teknikaĵoj kaj diversaj instrumentoj en la kondukejo.

La Cargolok veturas sur ok unuopaj radoj, movataj per ok motoroj. Pro tio la lokomotivo povas veturi en kurbiĝoj ĝis radiuso de 35 m. La motoro havas povumon de 500 ĉevalpovoj kaj respondecas al la EU-normoj por elflugasoj. La veturdirekton oni ŝanĝas per simpla funkciigo de la motoroj sen iu ajn inversigilo. En limstacioj kun diversaj ŝpuroj la Cargolok helpe de transira trako aŭtomate adaptiĝas per la unuopaj radoj. La maksimuma rapido estas 60 km/h.

Kiel kutime en manovraj lokomotivoj la kondukado okazas ambaŭflanke. La direktilo funkcias nur en la dekstra flanko laŭ veturdirekto, tiel ke ne povas okazi veturado en erara direkto. Kompreneble la lokomotivo estas direktebla per radiofonio.

La moderna kondukejo estas ekipita per tapiŝsimila ŝtofo. Je la malantaŭa flanko troviĝas grandega panoramofenestro, tiel ke la ŝoforo povas rigardi ĝis rekte malantaŭ la lokomotivo. Du tre komfortaj seĝoj – ankaŭ serie produktitaj – po unu por ĉiu direkto kaj eĉ fridujo kompletigas la ekipaĵon.

Jogi

(Fonto: Die Deutsche Bahn 12/93)

**Jam nun pripensu partoprenon de la**

## 47a Kongreso de IFEF

20.-26.5.1995 en PÉCS, Hungario

La dumiljara urbo Pécs estas rezidejo de la departemento Baranya. En la romia epoko, kiu lasis plurajn postsignojn, la urbo nomiĝis Sopianae. Fine de la 9a jarcento la unua reĝo Stefano la Sankta fondis ĉi tie episkopejon. Intertempe la nomo de la urbo kristaniĝis "Quinque Ecclesiae/Fünfkirchen". Sub la nomo Pécs ĝi estas menciita en ĉarto datita en 1093.

La jaro 1367 estas grava dato en la kulturhistorio de la urbo. Reĝo Ludoviko la Granda fondis en Pécs la unuan universitaton en Hungario, kiu siatempe estis la kvara en Mezeŭropo. Nuntempe la universitato de Pécs estas nomita laŭ episkopo Janus Pannonius (vivanta en la 15a jc), la plej elstara poeto de la latina humanismo. Ekde la komenco de la nuna jarcento funkcias pluraj universitatoj kun multiĝintaj kaj famiĝintaj fakultatoj.

En Pécs funkcias ankaŭ komitato de la Hungara Scienca Akademio kaj pluraj alt- kaj mezlernejoj.

El ĝia industrio famas la centjara ĉampanfabriko, tabak- kaj ceramikaĵfabrikoj.

– – –

Post la kongreso estos aranĝita Postkongreso 27.-29.5.1995, kiu kondukos la partoprenantojn al Kecskemét, Visegrad kaj Budapest.

**Pageblecoj**

Ĉar en Hungario ne ekzistas poŝta ĝirosistemo – do banka ĝirado aŭ poŝtmandato estas solaj eblecoj – la IFEF-kasisto pretas peri kongreskotizojn kaj aliajn pagojn.

Jen kelkaj ciferoj en **germanaj markoj** (DEM):

Kongreskotizo ĝis 31.01.95

| | |
|---|---|
| IFEF-membro | 80 DEM |
| Familiano/junulo ĝis 30 j | 40 DEM |
| Ne-IFEF-membro | 100 DEM |
| Ĉambroperado | 6 DEM |
| Tuttaga ekskurso | 60 DEM |
| Duontaga ekskurso | 30 DEM |
| Festa manĝo antaŭbala | 38 DEM |
| Tritaga postkongreso (loĝado, transporto, ekskursoj, manĝoj) | 400 DEM |

Pagante al la IFEF-kasisto nepre indiku, pri kio temas (plej bone estas sendi kopion de la aliĝilo), kaj se vi uzas la danan poŝtan ĝirokonton, nepre aldonu 15,- DKK (= ĉ 3,85 DEM), ĉar tiun sumon oni deprenas.

En la venontaj numeroj de IF ni pli informos pri la 47a IFK, kiu estos absolute vizitinda.

## Lerni Esperanton por unuhora prezentado!

Gratulon al paroĥa pastro de la norvega urbo LØTEN, s-ro Erling SCHAU, kiu en majo ĉijara atingis sian 70an vivojaron.

Ni memoras s-ron Schau kiel la pastron, kiu predikis dum la ekumena diservo en la 42a IFK, Hamar 1990. Nur por tiu okazo li lernis Esperanton, kaj brile li sukcesis, lingve kaj enhave.

Vere oni povas diri, ke la kongreso en Hamar estis eksterordinara en pluraj rilatoj, danke al la saĝaj agoj de ties LKK, sub prezido de Per Johan Krogstie.



# »ALP-ADRIO«

## 6a Esperanto-Konferenco, Trieste 22-25 aprilo 1994

Memore de la antaŭaj »Trilanda Renkontiĝo« poste nomitaj »Trilanda Konferenco«, kiuj grupiĝis ĉiujare Esperantistojn el la tri samlandlimaj landoj: Aŭstrio (regiono Karintio), Italio (regiono Friuli-Venezia, Giulia kaj Veneto) kaj tiama Jugoslavio (regionoj Slovenio kaj Kroatio), ni partoprenis en la nun nomita 6a ALP-ADRIO - Esperanto-Konferenco en Triesto.

La memoro estas ne nur de la pluraj Esperantaj kunvenoj, sed de la amikoj kiuj ilin organizis; nome niaj karaj Spartako Fulvio Tarlindano, staciestro en Venezio, Renato Bisi kaj Aldo Viotto el Triesto, kiuj organizis la kunvenon en Italio kaj gvidis nin eksterlande. La aŭstria kaj jugoslavia delegacioj estis tiutempe gvidataj de Martin Stuppnig kaj Tone Logar el Ljubljana.

Ekde la jaro 1989 tiu ĉiujara bela Esperanta manifestacio nomiĝis »Alp-Adrio Esperanto-Konferenco«. Ĉijare ĝi disvolviĝis en Triesto kaj grupigis 165 gesamideanojn el 10 landoj, kiuj pli/malpli ĉirkaŭas la Alpojn kaj la Adrian Maron.

Reprezentis la Esperantan Fervojistan Movadon pri la itala IFEA kaj la internacia IFEF d-ro Romano Bolognesi el Bologna. Ankaŭ la geamikoj Greta Gössl el Linz kaj Martin Stuppnig el Arnoldstein reprezentis la Aŭstrian Esperantan Movadon kaj invitis la »Alp-Adrio«-anojn al la 46a IFEF-Kongreso 1994, en Krems a.d.Donau.

Ni partoprenis kiel »turistoj« kaj povis bonege ĝui la kvartagan densan programon, bonege gvidatan de Aldo Viotto, Edvige Trentin, geedzoj Elda Doerfler kaj Giuseppe Valle kune kun aliaj sindonemaj kaj bravaj gehelpantoj.

Impresis nin precipe la Kultura programo (tre, tre altnivela: »Cultura con la «C« maiuscola«, kiel diris la italoj), kiu komenciĝis, post la malfermo, ĉe la Universitato (Salono de la Fakultato pri Ekonomi-Komerco): Unue konferenco de prof-ro Carlo Minnaja de la Universitato de Padova, kiu traktis majstre la temon: »Universitatoj de »Alp-Adrio« kadre de Unuiĝinta Eŭropo« kun aparta rilato al la historio de la malnovaj universitatoj en Eŭropo, nome Bologna, Parizo, Padova kaj aliaj de la »Mitteleŭropo«.

Prof-ino Ilona Koutny de la Universitato de Budapeŝto parolis pri la aktualega problemo de Esperanto en komputero: »Komunikado inter homo kaj komputero«. Vere tre altnivela kaj interesa konferenco.

Prof-ro Hans Michael Maitzen de la Universitato de Vieno kiel kosmologo, traktis la temon »Kosmaj influoj al Homa Medio«.

Tiun ĉi belegan konferencon sekvis vizito al Astronomia Observatorio (en Basovizza ĉe Triesto), unu el la plej gravaj de la »Itala Ministerio de Universitato kaj Scienca kaj Teknika Esploro«. La du direktoroj pri radiaj kaj lumaj ondoj, tre kompetente klarigis la esperimentadojn, kiuj okazas en la observatorio, fondita en la jaro 1753 de la aŭstria imperiestrino Maria Theresia. Estis vere altnivelaj konferencoj pri spaca astronomio.

La teatraj vesperoj estis du: Koncerto por«Alp-Adrio«, koncerto de Koruso de Blankaj Voĉoj de la Urbo, kaj »Inventante ke mi sonĝas« - Monologo de aktorino Vida Jerman de Zagrebo.

En la iama fervoja stacidomo »Triesto Campo Marzio« nun estas Fervoja Muzeo, administrata de DLF (Fervoja libertempa organizo) de Trieste. Tre agrablaj la plurfojaj vizitoj al la interesega »Muzeo Ferroviario«. En nia bela konferencejo okazis aliaj laboroj, kaj tie ni sentis nin transportitaj en Mez-Eŭropo.

La ekskurso: »Binari sconosciuti di Trieste« (Nekonataj reloj ĉirkaŭ Triesto) per apartaj specialaj vagonoj kondukis nin en la ĉirkaŭaĵoj de la urbo tra la aparte ĉarma karsta regiono. La vagonaro startis de la stacio «Campo Marzio« kaj kondukis nin, tra la tuneloj sub la urbo Triesto, al Villa Opicina, landlima fervoja stacio al Slovenio, kie la organizantoj regalis nin per riĉa kaj abunda festeno. Poste tra Aurisina, laŭlonge de la »malnovaj reloj« de la Aŭstriaj

Fervojoj, per ĝiaj viaduktoj, tuneloj, sub kaj super la urbo estas vera juvelo de fervoja inĝenier-arto, kiu plu transportas pasaĝerojn kaj estis uzata aparte por ni.

La katolika diservo en Esperanto okazis dimanĉe, la 24an de aprilo 1994, en la preĝejo »Madonna delle Grazie« kromnomita «de la Armenoj« aŭ »de la Germanoj«. Ni memoris kiam ni, dum la ekskurso tra la Venezia-laguno, post la 45a IFEF-Kongreso en Cervia, vizitis la insulon »Sankta Lazaro de la Armenoj«. Ankaŭ ĉi tie en malgranda preĝejo en Triesto, la armenaj monaĥoj amasigis trezorojn. La arkiduko Massimiliano el Aŭstrio, kiam li loĝis en la «Miramara Kastelo«, vizitadis la preĝejon por ĉeesti la sanktan meson.

Dum la ĝenerala kunsido de »Alp-Adrio«-Esperantistaro oni longe diskutis pri la sidejo de la venonta »Alp-Adria«-Esperanto-Konferenco, kiu eble okazos venontan jaron 1995-an en Hungario.

Ge-Gimelli



## Forpaso

La 18an de majo 1994 subite forpasis en Braŝov, Rumanio, fervoja dentkuracisto
d-ro Joan TEREŜNEU
en sia 63a jaraĝo.

D-ro Tereŝneu estis vicprezidanto de REFA kaj per sia milda konduto ofte kontribuis al leĝora etoso. Li interesis sin pri preventa medicino kaj pri proverboj kaj skribis pri tio i a en IF (n-ro 1994.1). Li planis, ke post nelonge li rezignu sian laboron por retiriĝi al kvieta vivo kampara, sed la sorto do volis alie.

IFEF kaj REFA perdis valoran amikon. ■

## Vizio pri "Rallar"-fervojo

Ek de la somero 1993 la altmontara parto de la Bergenfervojo perdis multe de sia speciala karaktero. La pli ol dek kilometrojn longa Finsetunelo ektrafikiĝis, kaj tiu parto de la origina linio, kiun oni nun planas apliki kiel turisman fervojon, estis superflua por ordinara trafiko. Oni intencas nomigi ĝin la "Rallar"-fervojo. "Rallar" estis la norvega populara esprimo por fervojkonstrua laboristo.

La konservatoro de la gubernio Hordaland prezentis en sia taksado de la projekto la "Rallar"-fervojon okcidente de Finse en vasta perspektivo. La kulturpejzaĝo tra kiu tiu ĉi fervojo irus, estas valorega. Tie troviĝas parto de la vojo uzita de la konstrulaboristoj dum la konstruo de la fervojo, dometoj por laboristoj, gardistoj kaj inĝenieroj, la iama telegraflinio kaj kelkaj kontraŭneĝaj bariloj.

La planoj pri tia turisma fervojo estas favore subtenataj de pluraj fakaj instancoj. Aktuala kaj tikla problemo estas ĉu tia fervojo malbonigus la vivkondiĉojn por la boacoj kaj ĉu la vaporlokomotivoj tro multe malpurigus la montaran naturon.

Post kiam NSB (Norvegaj Ŝtataj Fervojoj) en 1995 finos la malkonstruon de ĉiuj neĝbariloj kaj signalinstalaĵoj kaj pretigos la tutan liniosekcion inter Finse kaj ĝia plej okcidenta punkto Låghelter, la turisma fervojo povos esti ekfunkciigata per vaporlokomotivoj kaj malnovaj vagonoj. Pro la mallonga somera sezono la jara funkciperiodo estos tre mallonga.

Trakoj kaj turnoplatoj por la lokomotivoj kaj kajoj por la vojaĝantoj devas esti konstruotaj ĉe Finse kaj Låghelter. Ĉe la kvar survojaj gardistaj domoj estos haltejoj por fotado. Cetere estos necese havi instalaĵojn por plenigo de la lokomotivaj akvujoj.

La totala longo de tiu fervojo estos 16,5 kilo-

metroj, kaj la rapido po 15 kilometroj hore. Vojaĝdaŭro tien kaj reen estos 4-5 horoj.

Por la turismo tiu ĉi fervojo estus altiraĵo de internacia klaso. Ĝi samtempe ebligos al la vizitantoj ĝui la naturbelaĵojn kaj studi la memoraĵojn pri streĉa laboro dum la pasinteco. Vere ĝi altigos la turisman kvaliton de la regiono. Sed plej grave estas ke ĝi konservos kulturajn heredaĵojn. Detalajn informojn pri la projekto vi povas ricevi, se vi vizitos la "Rallar"-muzeon en Finse.

(El "Rallarvegen" tradukis Odd Kolbrek)




Kongresejo en Krems reklamis la unikecon.



La IFEF-komitato laboras dum plenkunsido en Krems.
(Ambaŭ fotoj : Karen Olsen)

INTERNACIA FERVOJISTO
1994.4
46a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel + fakso +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 20.08.1994

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S